AE217

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 16/05/2015 Ducent deksepa eldono 16/05/2015** SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas ekzemplerojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero. (per tio al la mondo)**

# 70. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Kelkaj eraroj korektindaj. C.

La Zamenhof'a sufikso –ujo uzatas ankaŭ por la nomo de lando farita el la nomo de la popolo. Do se la popolo estas la francoj, ilia lando estas Francujo.

Se vi uzas la sufikson " -i-" por tio, vi rompas kvar gramatikajn regulojn: 1.e ĝi konsistas el nur unu litero, kontraŭe al la aliaj sufiksoj kaj prefiksoj; 2.e jam ekzistas la finaĵo "-i" por la infinitivo; 3.e ĝi formus balastan sinonimon; kaj 4.e oni ne povas pluformi ĝin, kiel oni povas por ĉiuj aliaj sufiksoj. Krome per la uzo de la sufikso –i- por landoj vi malfaciligas scii ĉu ekz. Indonezio havas indonezojn aŭ indonezianojn, kaj ĉu la enloĝantoj de Ĉilio estas ĉilianoj aŭ ĉiloj. Do ne kopiu la malkleran kutimon de tiuj kiuj polucias Esperanton per "-io".

Marcel Leereveld.

# Esperanto-Domo Sidnejo




La 7an de junio 2015 okazis kunveno.
Aferkunveno je la 11atm kaj lunĉo ktp je la 1ptm.
★★★★
Merkredon la 13an de Majo venis Roger Springer, Margaret Chaldecott kaj Ian Wylles. Ni interalie provis solvi la problemon de la „wi-fi“ ĉe ED



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au;

# Dee McCarney skribis en Fejsbuko:

Estis ege bone esti en la Poliglota Kunveno en Berlin lastatempe (1-4 Majo) kaj aŭdi homojn parolante Esperanton samnivele al la aliaj lingvoj. Multaj homoj interesiĝis pri ĝi. La fakto ke ĝi ne estis speciala Esperanto-aranĝo sed aranĝo por homoj kiuj ĝenerale interesiĝas pri lingvoj estis bona ebleco montri kiom bone Esperanto funkcias kiel natura komunikadilo.



- **André Müller** Jes, mi konsentas. Estis bone, ke la aranĝo mem tute ne varbis por Esperanto aŭ provis instigi homojn lerni ĝin. Ĝi simple "hazarde" estis unu el la plej uzataj lingvoj tie. Se antaŭe estis homoj tie, kiuj kredis, ke Esperanto havas nek kulturon, nek literaturon, nek propran muzikon, nek sufiĉe da parolantoj, nek mojosajn aranĝojn, verŝajne nun malsame pensas.

Pro tio mi je dimanĉo ankaŭ faris mian prelegon pri tonaj lingvoj en (facila) Esperanto. Ankaŭ por montri al interesantoj, ke fakte ili ja povas jam kompreni sufiĉe multe. Homoj poste alparolis min, dirante ke ili ege miris, ke ili povis kompreni eĉ 80% aŭ pli de mia prelego. Estas tre eble, ke kelkaj el ili eĉ eklernos la lingvon.
**André Müller** P.S.:
Mi vere pensas, ke tiel - per nerekta varbado - oni povas havi pli bonan efikon. Rakonti al homoj, ke Esperanto estus tute neŭtrala lingvo, ke ĝi gvidos la mondon al paco aŭ ke iam ĝi estos vera mondlingvo, estas stultaĵoj. Bedaŭrinde multaj daŭre propagandas tiajn aferojn.
Sed montri al homoj, ke Esperanto fakte "is a thing" (kiel unu partoprenantino esprimis

sin taŭge), kaj ke tiaj Esperanto-aranĝoj povus havi similan etoson, tio estas en miaj okuloj multe pli efika.



**Dee McCarney** Mi jam konas unu personon kiu lernis kelkajn vortojn de unu el la libretoj tie, aŭdis kaj plejparte komprenis vian prelegon André, kaj poste ege entuziasmiĝis pri la lingvo

Sendis Nicole Else

# Jutubaj filmeto

★★★★






Mia azeno ?



## Kiel Mi Akiris Azenon

Jen mia plej nova filmeto:

https://www.youtube.com/watch?v=Cv7MwaYPs6M

En ĉi tiu videoblogo, mi rakontas pri la tempo kiam mi revenis hejmen al nova dorlotbesto, azeno!

Amike,

Richard Delamore

AEA Esperantisto de la Jaro 2014

# Oni ofte forgesas ke maljunuloj spertis junecon kaj junuloj spertos maljunecon.

Mi bone memoras kiam mi estis la junulo inter la Esperantaj amikoj. Roger Springer



# Saĝaj vortoj eltiritaj el iu Retradia elsendo



Homoj, dum la preparoj por vojaĝo en fremda lando, kutimis aĉeti poŝformatan libreton kiel konversaciilon por tie elturniĝi. Ili klopodis lerni frazojn en la fremda lingvo por demandi informojn, tute forgesante, ke, se oni ne komprenas la respondojn, la tuto fariĝas senutila frustra klopodo.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

# Mia komenco ĉe Melburna Esperanta Grupo

1974-novembro-20 Svetislav Kanaĉki

Kiam mi komencis kun la Melburno-grupo por lerni, mi estis tre malsana kun grandega doloro pro akcidento kaj frakaso de mia dorso kaj estis suferanto dum multaj jaroj. Tio estis mia komenco de Esperanto lingvo. Pro manko de angla lingvo, mi ne povis sekvi la lecionojn. Mi simple babilis kun Herberto ĉar li konis iom la slavajn lingvojn.

Spite al doloroj kaj manko de angla lingvo, mi daŭrigis kun intereso. Iom post iom mi progresadis paroli. Sed Esperantan gramatikon mi tute ne konis.

Januaro 1976: ni organizis la unuan Pacifikan Kongreson en Melburno ĉe la Universitato Melburna. Tio interesis min kaj mi aktive partoprenis laŭ mia kapablo, sed ne lingve sed fizike. Amiko de Herberto Koppel, Emil Wokal de Aŭstrio estis invitita por helpi la preparon, ankaŭ Stefan MacGill de NovZelando venis.

La kongreson partoprenis pli ol 300 gastoj el pluraj landoj. La malvarma Januaro, por multaj estis surprizo, ili ne kunportis taŭgajn vestaĵojn.

Dum la kongresa malfermo oni salutis ĉiujn gastojn kaj aŭstraliajn klubanojn, sed ne tiujn de la Melburna klubo. Fine la prezidanto de podio petis ĉu estas aliaj kiuj deziras saluti gastojn. Neniu respondis kaj mi rimarkis ke neniu de Melburna klubo respondis. Mi levis manon kaj la prezidanto de podio permesis al mi paroli.

Mi prezentis min kaj diris, ke neniu prezentis Melburnon. Mi diris, ke mi lernis Esperanton dum apenaŭ 15 monatoj, do salutas en la nomo de Melburna grupo, bonvenigis ĉiujn gastojn, kaj deziris ke ĉiuj ĝuu UNUAN PACIFIKAN KONGRESON. Post la fino de la ceremonio, Sinjorino el Japanujo SEJA ISOBE KOMITATANO DE UEA POR VIRINOJ invitis min en sian ĉambron por intervjui min, dirante ke ŝi prezentos al la Japana Esperanto-klubo.

Post 3 tagoj, mi invitis SEJA ISOBE de Japanujo, EZZO ITTO de Oomoto , Dr. SERO KOGA por Infanterio, EMIL WOKAL de Radio Aŭstrio, EFRIDA ERNST de Belgio kaj BARBARA PDMOR de Melburno al nia domo por tagmanĝo. Bela miksaĵo, vigla debato, ĝoja tago. Dr. Serro Kogga

petis min akompani lin al la infan-hospitalo por vidi en inkubatoroj infanojn naskitajn tro frue. Tio estas lia fako.

Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com

Mi kore dankas pro la du plej lastaj "Aŭstraliaj Esperantistoj" kun interesaj artikoloj pri surpriza vizito de Osla Universitata Lektoro Dr. Pr. Stop-Bowitz.

Mi havas nur unu demandon, ĉu lia nomo ne estas (eble estis) Støp-Bowitz?

Plej amike,

Bob Felby

## Pri la vorto "roverso"

Svetislav demandis pri la vorto "roverso". Mi trovis la jenajn menciojn de tiu vorto:

Wells: roverso lapel [= refaldo]

Benson: lapel roverso

Bildvortaro de Esperanto:

35-12 roverso, refaldo, roverskolumno - ĉe mantelo

36-15 roverso - ĉe sportjako. La bildo indikas tiun parton kiun mi nomas "lapel" en la angla.

36-4 manikrefaldo - ĉe poplina jako. Laŭ la bildo ĝi estas angle "cuff".

35-55 manumroverso - ĉe dupeca trikita robo (ŝajne "knitted cuff")

36-66 tubroverso - ĉe bermuda ŝorto

38-76 pantalonroverso, ŝortoroverso - ĉe ŝorto

36-56 roverso pieda, (ĉe)pieda refaldaĵo - ĉe pantalono

Bondezirojn Donald Rogers NZ



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venu la 16an de majo kaj la 6an de junio 2015, Interesa loko, bonaj amikoj.

## La Brizbana Kafklubo

**Nia pasinta Kafklubo-kunveno estis tre afabla sub la brila ĉielo de Brizbano.**

Amike,
Petro



# Komuna kunveno de Brizbana kaj Toowoomba Esperanto Societo

ĉe la hejmo de eminenta Esperantisto, Tomo O'Gradi ( Tom O'Grady) en Kumera (Coomera) en Aprilo.   Amike Pedro





## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

**ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.**



# Anonco de la Melburna Esperanto-Asocio

La Esperanto literaturo estas pliriĉigita per la elekronika publikado de la nova, unika libro *Lingvaj Resondoj* de Marcel Leereveld. Tiu verko estas la pinto de la moderna klarigado de la gramatiko de Esperanto.

Ĝi estas havebla kaj la AUD $20.00 estas pageblaj per la retejo de la Melburna Esperanto-Asocio, www.esperanto.com.au.

Por via interesiĝo jen estas parto de la enkonduko al la libro de la tre konata eksprezidanto de UEA, S-ro Renato  Corsetti.

Saluton al Marcel Leereveld kaj al la legantoj de ĉi tiu verko kvazaŭ antaŭparolo

Mi ne volas paroli al vi en ĉi tiu mallonga saluto pri ĉio, kio estas en ĉi tiu libro, en ĉi tiu Alternativa Plena Gramatiko, se oni rajtas nomi ĝin tia. La abundeco de la pritraktitaj temoj estas tiel granda, ke oni povas sin demandi, ĉu vere facila lingvo kiel Esperanto havas tiomajn

klarigindajn punktojn en sia gramatiko. Tamen, jes, kvankam preter la multaj punktoj la bazaj ideoj ne estas multaj.

La unua ideo estas, ke Esperanto estas lingvo de libereco kaj de racio, kaj ke ĉiu parolanto de ĝi devas libere kaj racie pensi pri ĝi por veni al ĝustaj solvoj. Ĉio preter la Fundamento estas proponoj, kiujn oni akceptu nur se ili eltenas la ekzamenon pri libereco kaj racio, en kiu vi mem, legantoj, estas la ekzamenantoj. Ĉe ni ne validas, kaj nepre ne validu, la ideo, ke Aristotelo au Marcel aŭ Renato diris tiel! Vi pensu por vi mem kaj elektu tion, kio laŭ vi estas direbla.

La dua estas iom pli malsimple prezentinda. Zamenhof sciis tion, kion li estis faranta, kaj li skribis: *Mi aranĝis plenan dismembriĝon de la ideoj en memstarajn vortojn.........Sed ĉar simila konstruo de lingvo estas tute fremda por la eŭropaj popoloj kaj alkutimiĝi al ĝi estus por ili afero malfacila, tial mi tute alikonformigis tiun ĉi dismembriĝon de la lingvo al la spirito de la lingvoj eŭropaj, tiel ke se iu lernas mian lingvon laŭ lernolibro, ne traleginte antaŭe la antaŭparolon (kiu por la lernanto estas tute senbezona), - li eĉ ne supozas, ke la konstruo de tiu ĉi lingvo per io diferencas de la konstruo de lia patra lingvo.*" Unua libro de la lingvo Esperanto en Fundamenta Krestomatio, 12-a eldono, paĝo 248.

Pro tiuj du ideoj mi amas Marcel-on kaj provas legi ĉion de li, kion mi trovas. Bedaŭrinde mi havis ne sufiĉe longan kaj ne sufiĉe intensan kunlaboron kun li. Li partoprenas la retajn debatojn en la reta listo "la-bona-lingvo" kaj multe influas tiun daŭre evoluantan retan vortaron, www.bonalingvo.org .

Li ne estis de la Akademio de Esperanto, ĉar nur en la lastaj jardekoj la Akademio ĉesis esti nesto de 'literatoroj' kaj ne de literaturistoj. Mi volas diri per tio, ke en la jaroj de la 1960-a ĝis la 1990-a, oni ĉefe elektis literaturistojn, verkistojn, kiuj ĉefe pensis pliigi sian famon per pliigo de la uzitaj novaj radikoj ("neologismoj" oni nomas ilin). Claude Piron, kiu estis elektita akademiano, demisiis por ne resti en tiu rondo, kiu provas fari Esperanton la franca kun o-finaĵoj. Sed la historio ne finiĝis, kiel erare kelkaj penso-majstroj volas kredigi. En la nuna epoko estas multaj akademianoj kaj neakademianoj, kiuj provas fari Esperanton la angla kun o-finaĵoj. Verŝajne post unu jarcento la idea heredanto de Marcel devos batali kontraŭ tiuj, kiuj provos pruvi, ke kvankam Zamenhof ne enmetis en Esperanton la tonojn de la ĉina, ili estas io nepre enmetindaj.

En la tuta libro mi volas elstarigi nur ion, tio estas la sekcio: *Ni uzu Esperanton inteligente kaj ĝuste!*, en kiu estas la frazo inda je senmorteco: "*Ne utilas diri, ke Zamenhof aŭ alia famulo uzis iun eraron, kaj ke tial ankaŭ ni eraru. Ĉiu faras erarojn. Ni simple ne ripetu ilin, sed sen krei neologismojn uzu aliajn (oficialajn) formojn.*" Tiun frazon oni devus skribi per grandaj marmoraj literoj sur ĉiuj publikaj oficejoj de Esperantujo, se ili ekzistus.

……………. en la estonteco oni ne rekonos Marcel-on granda Esperanto-gramatikisto, eble unu el la plej grandaj de nia epoko, kiu interalie pro sia modesteco kaj pro sia loĝado en Aŭstralio, ne estis tiom influa, kiom li meritis esti dum sia tempo.

Renato Corsetti

# 3ZZZ Melburno

# 3ZZZ





Iru al la arkivejo www. esperanto.com.au kiam ajn vi deziras agrablan aŭskultadon,
la kunvokanto de la Esperanto grupo en la radio 3ZZZ
Franciska Toubale

## Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 188 | 189 | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | ■ | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

